# כוכב ירוק

## הגדה של פסח

# *Verda Stelo*

## *Hagado de Pesaĥo*

Esperantigis
Erin Piateski

Redaktis
Josef Ŝemer

La hagado *Verda Stelo* estas la rezulto de multegaj horoj de traduka laboro. Iu ajn rajtas presi ĝin por sia propra uzo. Mi intencas ĝisdatigi ĉi tiun hagadon kiam eventualaj eraroj troviĝos, kaj eble ankaŭ por inkluzivi pli da klarigoj, komentoj, kaj ornamaĵoj. Por la partoj de la hagado kiuj venas rekte el la Biblio, mi uzis la tradukon de Zamenhof, kun kelkaj ŝanĝoj, laŭnecese.

Mia traduko baziĝas ĉefe sur la angla kaj itala tradukoj kiuj troviĝas en la Maxwell House Haggadah (KF Holdings) kaj la Haggadà Tzelì Esh (Eldonejo Morashà, Milano). La enkomputiligita hebrea teksto venas de la hebrea versio de Vikipedio. Koran dankon al Josef Ŝemer, kiu redaktis mian tradukon.

Ĉi hagado sekvas la aŝkenazajn kutimojn. Mi konscias ke ne ĉiuj judaj Esperantistoj estas aŝkenazoj, sed mi ne havis sufiĉan tempon por krei aliajn versiojn – mi kreis aŝkenazan version por uzi ĝin ĉe mia propra tablo. Mi bonvenigas aliajn Esperantistojn uzi mian tekston kiel bazon por krei version laŭ sia propra kutimo – sed bonvolu sendi al mi ekzempleron! Pri eventualaj komentoj, demandoj, laŭdoj, kritikoj, atentigoj pri eraroj, ktp. bonvolu kontakti min ĉe **esperanto.hagada@gmail.com**.

– Erinja
Nisan 5769

# Serĉo kaj Nuligo de Ĥamec

*Je la vespero de la 14a de Nisan, oni serĉu sian domon por ĥamec (fermentitaĵoj), per kandela lumo. Estas kutime kaŝi 10 pecojn de ĥamec en la domo; kiam oni trovas pecon, oni uzu bird-plumon por puŝi ĝin en lignan kuleron, kaj poste metu ĝin en paperan sakon por posta bruligo. Se la 14a de Nisan estas ŝabato, la serĉo fariĝu je la vespero de la 13a (t.e. ĵaŭde vespere). Antaŭ ol serĉi, oni diru la sekvan benon.*

***Benata estas vi, Eternulo nia Dio, Reĝo de la Universo, kiu sanktigis nin per Viaj ordonoj kaj ordonis nin nuligi la ĥamecon.***

*Tuj post la serĉo oni nuligas ĉiun ĥamec, pri kies ekzisto oni ne scias. Estas grave diri ĉi tiun frazon en lingvo kiun oni komprenas.*

***Ajna ĥamec kiu estas en mia posedo, kiun mi ne vidis kaj kiun mi ne eliminis, nuliĝu kaj konsideriĝu kiel polvo de la tero.***

*La matenon poste oni bruligu la ĥamecon kiu restas, antaŭ ĉ. 10:30 matene (petu la precizan horon de via loka sinagogo aŭ rabeno). Se la unua vespero de Pesaĥo estos sabate vespere, oni bruligu la ĥamecon vendrede matene. Post la bruligo, diru la sekvan, en lingvo kiun oni komprenas. Se oni bruligis vendrede por sabatvespera komenco de Pesaĥo, oni anstataŭe diru la sekvan frazon sabate matene je la sama horo.*

***Ajna ĥamec kiu estas en mia posedo, kiun mi vidis aŭ kiun mi ne vidis, kiun mi eliminis aŭ kiun mi ne eliminis, nuliĝu kaj konsideriĝu kiel polvo de la tero.***

# Serĉo kaj Nuligo de Ĥamec

*Je la vespero de la 14a de Nisan, oni serĉu sian domon por ĥamec (fermentitaĵoj), per kandela lumo. Estas kutime kaŝi 10 pecojn de ĥamec en la domo; kiam oni trovas pecon, oni uzu bird-plumon por puŝi ĝin en lignan kuleron, kaj poste metu ĝin en paperan sakon por posta bruligo. Se la 14a de Nisan estas ŝabato, la serĉo fariĝu je la vespero de la 13a (t.e. ĵaŭde vespere). Antaŭ ol serĉi, oni diru la sekvan benon.*

בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ אֱלֹהֵינוּ מֶלֶךְ הָעוֹלָם, אֲשֶׁר קִדְּשָׁנוּ בְּמִצְוֹתָיו, וְצִוָּנוּ
עַל בִּעוּר חָמֵץ.

*Tuj post la serĉo oni nuligas ĉiun ĥamec, pri kies ekzisto oni ne scias. Estas grave diri ĉi tiun frazon en lingvo kiun oni komprenas.*

כָּל חֲמִירָא וַחֲמִיעָא דְּאִכָּא בִּרְשׁוּתִי דְּלָא חֲמִתֵּהּ וּדְלָא בַעֲרְתֵּיהּ
לִבְטִיל וְלֶהֱוֵי כְּעַפְרָא דְאַרְעָא.

*La matenon poste oni bruligu la ĥamecon kiu restas, antaŭ ĉ. 10:30 matene (petu la precizan horon de via loka sinagogo aŭ rabeno). Se la unua vespero de Pesaĥo estos sabate vespere, oni bruligu la ĥamecon vendrede matene. Post la bruligo, diru la sekvan, en lingvo kiun oni komprenas. Se oni bruligis vendrede por sabatvespera komenco de Pesaĥo, oni anstataŭe diru la sekvan frazon sabate matene je la sama horo.*

כָּל חֲמִירָא וַחֲמִיעָא דְּאִכָּא בִּרְשׁוּתִי דַּחֲמִתֵּהּ וּדְלָא חֲמִתֵּהּ,
דְּבַעֲרְתֵּהּ וּדְלָא בַעֲרְתֵּיהּ, לִבְטִיל וְלֶהֱוֵי כְּעַפְרָא דְאַרְעָא.

# Manĝaĵa Eruv

*Kiam la unua vespero de Pesaĥo okazos merkrede, por povi kuiri por ŝabato dum la festotagoj de Pesaĥo, oni faras la "Eruv tavŝilin". Oni prenu unu macon kaj unu kuiritan manĝaĵon, kaj diru la sekvajn frazojn, tenante ilin en la mano:*

***Benata estas Vi, Eternulo nia Dio, Reĝo de la Universo, kiu sanktigis nin per Viaj ordonoj kaj ordonis al ni pri la micvo de la eruv.***

Per ĉi tiu eruv, estas permesite kuiri, rosti, almeti varmecon, bruligi fajron, kaj fari ĉiun necesan aferon dum la festotago por ŝabato. Ĉi tio permesiĝu al ni kaj al ĉiu loĝanto de ĉi tiu urbo.

# Bruligo de la Kandeloj

*Antaŭ ol bruligi la kandelojn, oni diru la sekvan benon:*

***Benata estas vi, Eternulo nia Dio, Reĝo de la Universo, kiu sanktigis nin per Viaj ordonoj kaj ordonis nin bruligi la kandelojn (**por ŝabato:* ***de ŝabato kaj) de la festo.***

# Manĝaĵa Eruv

*Kiam la unua vespero de Pesaĥo okazos merkrede, por povi kuiri por ŝabato dum la festotagoj de Pesaĥo, oni faras la "Eruv tavŝilin". Oni prenu unu macon kaj unu kuiritan manĝaĵon, kaj diru la sekvajn frazojn, tenante ilin en la mano:*

בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ, אֱלֹהֵינוּ מֶלֶךְ הָעוֹלָם, אֲשֶׁר קִדְּשָׁנוּ בְּמִצְוֹתָיו, וְצִוָּנוּ עַל מִצְוַת עֵרוּב.

בְּדֵין עֵרוּבָא יְהֵי שָׁרֵי לָנָא לְבַשּׁוֹלֵי וְלְאַפּוֹיֵי וּלְטַמּוֹנֵי וּלְאַדְלוֹקֵי שְׁרָגָא וּלְמֶעְבַּד כָּל מָה דְצָרִיךְ לָנָא מִיּוֹמָא טָבָא לְשַׁבָּתָא, לָנָא וּלְכָל יִשְׂרָאֵל דִסְמִיכִין עַל עֵרוּבָא הָדֵין.

# Bruligo de la Kandeloj

*Antaŭ ol bruligi la kandelojn, oni diru la sekvan benon:*

בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ, אֱלֹהֵינוּ מֶלֶךְ הָעוֹלָם, אֲשֶׁר קִדְּשָׁנוּ בְּמִצְוֹתָיו, וְצִוָּנוּ לְהַדְלִיק נֵר שֶׁל (**שַׁבָּת וְ**) יוֹם טוֹב.

# La Seder-tablo

*La seder-plado kuŝu antaŭ la gvidanto. Ĝi enhavu:*

| | |
|---|---|
| מרור | Maror (amara herbo) |
| זרוע | Zeroa (rostita tibio) |
| חרוסת | Ĥaroset (dolĉa frukta kaĉo) |
| חזרת | Ĥazeret (amara herbo) |
| כרפס | Karpas (verda legomo) |
| ביצה | Bejca (rostita ovo) |

*Aliaj surtablaĵoj:*

*Tri macoj:* Ili estu apartigitaj en maco-kovriloj, aŭ falditaj en unu aŭ du tukoj.

*Vino:* Estu vinglaso ĉe ĉies plado, kaj sufiĉe da vino (aŭ vinbera suko) por po 4 glasoj da vino por ĉiu ĉe la tablo

*Sal-akvo aŭ vinagro:* Ĉiuj bezonas sal-akvon kaj estu facile atingebla ujo ĉe la tablo

*Glaso de Elija:* pokalo por Elija la profeto estu je la centro de la tablo.

*Kusenoj:* Ĉiu seĝo havu kusenon je la maldekstra brako

## La signoj de la seder –

Kadeŝ, Urĥac, Karpas, Jaĥac, Magid, Raĥca, Moci maca, Maror, Koreĥ, Ŝulĥan oreĥ, Cafun, Bareĥ, Halel, Nirca.

# Seder de Pesaĥo

## Kadeŝ – קדש

### *Sanktigo*

*Plenigu la unuan glason da vino.*

*Kiam la festo komenciĝas vendrede vespere:*

"*Kaj estis vespero, kaj estis mateno*, la sesa tago. Kaj estis finitaj la ĉielo kaj la tero kaj ĉiuj iliaj apartenaĵoj. Kaj Dio finis en la sepa tago Sian laboron, kiun Li faris, kaj Li ripozis en la sepa tago de la tuta laboro, kiun Li faris. Kaj Dio benis la sepan tagon kaj sanktigis ĝin, ĉar en ĝi Li ripozis de Sia tuta laboro, kiun Li faris kreante."

*Dum la semajno, komencu ĉi tie:*

Kun via permeso, gesinjoroj, miaj mastroj kaj instruantoj (je la vivo!)

Benata estas vi, Eternulo nia Dio, Reĝo de la Universo, Kreinto de la frukto de la vito.

Benata estas vi, Eternulo nia Dio, Reĝo de la Universo, kiu elektis nin el ĉiuj popoloj kaj plialtigis nin el ĉiuj popoloj, kaj sanktigis nin per Siaj ordonoj. Kaj Vi, Eternulo, nia Dio, donis al ni kun amo *(ŝabatojn por ripozo kaj)* festotagojn kaj solenaĵojn por ĝojo, *(jenan tagon de ŝabato kaj)* ĉi tiun festotagon de la macoj, la datreveno de nia liberiĝo *(en amo)*, sankta kunveno memore al la eliro el Egiptujo. Ĉar nin Vi elektis kaj nin Vi sanktigis el ĉiuj popoloj, donante al ni herede Viajn sanktajn *(ŝabaton kaj)* festotagojn *(kun amo kaj favoro),* kun ĝojo kaj jubilado. Benata estas Vi, Eternulo, kiu sanktigas *(la ŝabaton kaj)* Izraelon kaj la festotagojn.

**-סימני סדר פסח**

קַדֵּשׁ, וּרְחַץ, כַּרְפַּס, יַחַץ, מַגִּיד, רָחְצָה, מוֹצִיא, מַצָּה, מָרוֹר, כּוֹרֵךְ, שֻׁלְחָן עוֹרֵךְ, צָפוּן, בָּרֵךְ, הַלֵּל, נִרְצָה

# סדר של פסח

# קַדֵּשׁ

*Plenigu la unuan glason da vino.*

*Kiam la festo komenciĝas vendrede vespere:*

**וַיְהִי עֶרֶב וַיְהִי בֹקֶר** יוֹם הַשִּׁשִּׁי. וַיְכֻלּוּ הַשָּׁמַיִם וְהָאָרֶץ וְכָל צְבָאָם. וַיְכַל אֱלֹהִים בַּיּוֹם הַשְּׁבִיעִי מְלַאכְתּוֹ אֲשֶׁר עָשָׂה וַיִּשְׁבֹּת בַּיּוֹם הַשְּׁבִיעִי מִכָּל מְלַאכְתּוֹ אֲשֶׁר עָשָׂה. וַיְבָרֶךְ אֱלֹהִים אֶת יוֹם הַשְּׁבִיעִי וַיְקַדֵּשׁ אוֹתוֹ כִּי בוֹ שָׁבַת מִכָּל מְלַאכְתּוֹ אֲשֶׁר בָּרָא אֱלֹהִים לַעֲשׂוֹת.

*Dum la semajno, komencu ĉi tie:*

סַבְרִי מָרָנָן וְרַבָּנָן וְרַבּוֹתַי (לְחַיִּים!)

בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ אֱלֹהֵינוּ מֶלֶךְ הָעוֹלָם בּוֹרֵא פְּרִי הַגָּפֶן.

בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ אֱלֹהֵינוּ מֶלֶךְ הָעוֹלָם, אֲשֶׁר בָּחַר בָּנוּ מִכָּל עָם וְרוֹמְמָנוּ מִכָּל לָשׁוֹן וְקִדְּשָׁנוּ בְּמִצְוֹתָיו. וַתִּתֶּן לָנוּ יְיָ אֱלֹהֵינוּ בְּאַהֲבָה (בְּשַׁבָּת: שַׁבָּתוֹת לִמְנוּחָה וּ)מוֹעֲדִים לְשִׂמְחָה, חַגִּים וּזְמַנִּים לְשָׂשׂוֹן, אֶת יוֹם (הַשַּׁבָּת הַזֶּה וְאֶת יוֹם) חַג הַמַּצּוֹת הַזֶּה, זְמַן חֵרוּתֵנוּ (בְּאַהֲבָה), מִקְרָא קֹדֶשׁ, זֵכֶר לִיצִיאַת מִצְרָיִם. כִּי בָנוּ בָחַרְתָּ וְאוֹתָנוּ קִדַּשְׁתָּ מִכָּל הָעַמִּים, (וְשַׁבָּת) וּמוֹעֲדֵי קָדְשֶׁךָ (בְּאַהֲבָה וּבְרָצוֹן,) בְּשִׂמְחָה וּבְשָׂשׂוֹן הִנְחַלְתָּנוּ. בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ, מְקַדֵּשׁ (הַשַּׁבָּת וְ) יִשְׂרָאֵל וְהַזְּמַנִּים.

*Sabate vespere aldonu:*

***Benata estas Vi, Eternulo nia Dio, Reĝo de la Universo, Kreinto de la fajrolumo.***

***Benata estas Vi, Eternulo nia Dio, Reĝo de la Universo, kiu distingas inter sankta kaj ordinara, inter lumo kaj mallumo, inter Izraelo kaj la popoloj, inter la sepa tago kaj la ses labortagoj. Vi ankaŭ faris distingon inter la sankteco de la Ŝabata tago kaj la sankteco de la festotago; kaj sanktigis la sepan tagon prefere al la ses labortagoj; Vi ankaŭ apartigis Vian popolon Izraelo kaj sanktigis ilin per Via sankteco. Benata estas Vi, Eternulo, kiu distingas inter sankta kaj sankta.***

*Je ĉiuj aliaj noktoj, daŭrigu ĉi tie:*

***Benata estas Vi, Eternulo nia Dio, Reĝo de la Universo, kiu gardis nin vivaj, subtenis nin, kaj venigis nin ĝis la nuna tempo.***

*Trinku la unuan glason da vino duonkliniĝante.*

# Urĥac –ורחץ

## *Manlavado*

*Lavu viajn manojn sed ne diru la benon.*

# Karpas –כרפס

## *Verda legomo*

*La gvidanto trempas pecon de petroselo aŭ alian legomon (krom maror) [kun minimuma volumeno de 27 gramoj, la volumeno de olivo] en la sal-akvon, donas karpas al ĉiuj, kaj diras:*

***Benata estas Vi, Eternulo nia Dio, Reĝo de la Universo, Kreinto de fruktoj de la tero.***

*Sabate vespere aldonu:*

בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ אֱלֹהֵינוּ מֶלֶךְ הָעוֹלָם, בּוֹרֵא מְאוֹרֵי הָאֵשׁ.

בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ אֱלֹהֵינוּ מֶלֶךְ הָעוֹלָם הַמַּבְדִּיל בֵּין קֹדֶשׁ לְחֹל, בֵּין אוֹר לְחֹשֶׁךְ, בֵּין יִשְׂרָאֵל לָעַמִּים, בֵּין יוֹם הַשְּׁבִיעִי לְשֵׁשֶׁת יְמֵי הַמַּעֲשֶׂה. בֵּין קְדֻשַּׁת שַׁבָּת לִקְדֻשַּׁת יוֹם טוֹב הִבְדַּלְתָּ, וְאֶת יוֹם הַשְּׁבִיעִי מִשֵּׁשֶׁת יְמֵי הַמַּעֲשֶׂה קִדַּשְׁתָּ, הִבְדַּלְתָּ וְקִדַּשְׁתָּ אֶת עַמְּךָ יִשְׂרָאֵל בִּקְדֻשָּׁתֶךָ. בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ הַמַּבְדִּיל בֵּין קֹדֶשׁ לְקֹדֶשׁ.

*Je ĉiuj aliaj noktoj, daŭrigu ĉi tie:*

בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ אֱלֹהֵינוּ מֶלֶךְ הָעוֹלָם, שֶׁהֶחֱיָנוּ וְקִיְּמָנוּ וְהִגִּיעָנוּ לַזְּמַן הַזֶּה.

*Trinku la unuan glason da vino duonkliniĝante.*

# וּרְחַץ

*Lavu viajn manojn sed ne diru la benon.*

# כַּרְפַּס

*La gvidanto trempas pecon de petroselo aŭ alian legomon (krom maror) [kun minimuma volumeno de 27 gramoj, la volumeno de olivo] en la sal-akvon, donas karpas al ĉiuj, kaj diras:*

בָּרוּךְ אַתָּה יְיָ אֱלֹהֵינוּ מֶלֶךְ הָעוֹלָם, בּוֹרֵא פְּרִי הָאֲדָמָה.

# Jaĥac –יחץ

## *Duonigo*

*La gvidanto prenas la mezan macon kaj rompas ĝin en du pecojn, lasas duonon inter la du nerompitaj macoj, kaj volvas la pli grandan pecon en ŝtofon por apartigi ĝin kiel afikoman.*

# Magid –מגיד

## *Rakonto*

*Levu la pladon kun la macoj kaj diru:*

Jen la pano de aflikto kiun manĝis niaj prauloj en la lando Egiptujo; ĉiuj kiuj malsatas, venu kaj manĝu de ĝi; kaj ĉiuj senhavuloj, venu kaj festu la Pesaĥon. Ĉi-jare ni ĝin festas ĉi tie, sed venont-jare ni esperas festi ĝin en la lando Israelo. Ĉi-jare ni estas sklavoj; venont-jare, liberuloj.

*Remetu la macojn sur la tablon, kovru ilin, kaj plenigu la duan glason da vino.*

**Kial ĉi nokto malsamas de ĉiuj aliaj noktoj?**

Ĉiujn aliajn noktojn ni manĝas aŭ fermentintan panon aŭ macon, sed ĉi-nokte nur macon.

Ĉiujn aliajn noktojn ni manĝas ajn-specajn herbojn, sed ĉi-nokte nur amarajn herbojn.

Ĉiujn aliajn noktojn ni ne trempas eĉ unu fojon, sed ĉi-nokte ni trempas dufoje.

Ĉiujn aliajn noktojn ni manĝas aŭ sidante aŭ duonkliniĝante, sed ĉi-nokte ni ĉiuj duonkliniĝas.

# יַחַץ

*La gvidanto prenas la mezan macon kaj rompas ĝin en du pecojn, lasas duonon inter la du nerompitaj macoj, kaj volvas la pli grandan pecon en ŝtofon por apartigi ĝin kiel afikoman.*

# מַגִּיד

*Levu la pladon kun la macoj kaj diru:*

הָא לַחְמָא עַנְיָא דִּי אֲכָלוּ אַבְהָתָנָא בְּאַרְעָא דְמִצְרָיִם. כָּל דִּכְפִין יֵיתֵי וְיֵכוֹל, כָּל דִּצְרִיךְ יֵיתֵי וְיִפְסַח. הָשַּׁתָּא הָכָא, לְשָׁנָה הַבָּאָה בְּאַרְעָא דְיִשְׂרָאֵל. הָשַּׁתָּא עַבְדֵי, לְשָׁנָה הַבָּאָה בְּנֵי חוֹרִין.

*Remetu la macojn sur la tablon, kovru ilin, kaj plenigu la duan glason da vino.*

**מַה נִּשְׁתַּנָּה הַלַּיְלָה הַזֶּה מִכָּל הַלֵּילוֹת?**

שֶׁבְּכָל הַלֵּילוֹת אָנוּ אוֹכְלִין חָמֵץ וּמַצָּה, הַלַּיְלָה הַזֶּה - כֻּלּוֹ מַצָּה.

שֶׁבְּכָל הַלֵּילוֹת אָנוּ אוֹכְלִין שְׁאָר יְרָקוֹת, - הַלַּיְלָה הַזֶּה מָרוֹר.

שֶׁבְּכָל הַלֵּילוֹת אֵין אָנוּ מַטְבִּילִין אֲפִילוּ פַּעַם אֶחָת, - הַלַּיְלָה הַזֶּה שְׁתֵּי פְעָמִים.

שֶׁבְּכָל הַלֵּילוֹת אָנוּ אוֹכְלִין בֵּין יוֹשְׁבִין וּבֵין מְסֻבִּין, - הַלַּיְלָה הַזֶּה כֻּלָּנוּ מְסֻבִּין.

*Reportu la macojn al la mezo de la tablo, malkovru ilin, kaj diru:*

Ni estis sklavoj de Faraono en Egiptujo, kaj la Eternulo, nia Dio, elportis nin de tie per forta mano kaj etendita brako. Kaj se la Plej Sankta, benata estu Li, ne elportintus niajn praulojn el Egiptujo, ni kaj niaj gefiloj kaj la gefiloj de niaj gefiloj ankoraŭ estus sklavigitaj al Faraono en Egiptujo. Do, eĉ se ni ĉiuj estus saĝaj, ĉiuj kleruloj kaj lertuloj, ĉiuj ni kleraj pri la Torao, tamen estus por ni devige paroli pri la eliro de Egiptujo; kaj ĉiuj kiuj plimultigas la rakontojn pri la eliro de Egiptujo, meritas laŭdon.

Oni rakontas pri Rabeno Eliezar, Rabeno Jehoŝua, Rabeno Elazar la filo de Azaria, Rabeno Akiva, kaj Rabeno Tarfon, ke ili foje renkontiĝis por manĝo en Bnej-Brak kaj parolis pri la eliro el Egiptujo la tutan nokton, ĝis kiam iliaj disĉiploj venis kaj diris al ili: "Majstroj, alvenis la horo por la lego de la matena Ŝ'ma."

Rabeno Elazar la filo de Azaria diris, "Vere, mi estas kvazaŭ sepdekjara viro, sed mi ne povis pruvi ke la rakontado pri la eliro de Egiptujo okazu nokte, ĝis kiam la filo de Zoma interpretis la verson en kiu skribiĝas: "Tiel ke vi memoru la tagon de via eliro de Egiptujo, ĉiujn tagojn de via vivo." "La tagoj de via vivo," diris li, aludas nur al la tagoj, sed "ĉiuj tagoj de via vivo" inkluzivas ankaŭ la noktojn. La Saĝuloj tamen diras tiel: "La tagoj de via vivo" aludas nur al ĉi tiu mondo, sed "ĉiuj tagoj de via vivo" inkluzivas ankaŭ la epokon de la Mesio."

Benata estu la Ĉiopova. Benata estu Li, Benata, kiu donis la Toraon al Sia popolo Izraelo. Benata estu Li! La Torao parolas pri kvar diversaj tipoj de filoj: unu saĝa, unu malica, unu naiva, kaj unu kiu ne kapablas demandi.

La saĝa, kion li diras? Li demandas: "Kio estas ĉi tiuj atestoj, leĝoj, kaj juĝoj kiujn la Eternulo, nia Dio, ordonis al vi?" Kaj tiam vi instruu al li la leĝojn rilate al Pesaĥo, instruante al li ke estas malpermesite manĝi la afikoman post kiam oni manĝas la oferon de pesaĥo.

La malica filo, kion diras li? Li demandas "Kio estas ĉi tiu Diservo por vi?" Por vi, ne por li. Ekskludante sin mem, li eltiras sin de la komunumo; pro tio estas ĝuste respondi al li trafe kaj hontige, dirante: "Ĉi tio fariĝas, pro tio kion la Eternulo faris por mi, kiam mi eliris de Egiptujo:" por mi kaj ne por li; ĉar se li estus tie, li ne liberiĝus.

*Reportu la macojn al la mezo de la tablo, malkovru ilin, kaj diru:*

עֲבָדִים הָיִינוּ לְפַרְעֹה בְּמִצְרָיִם, וַיּוֹצִיאֵנוּ יְיָ אֱלֹהֵינוּ מִשָּׁם בְּיָד חֲזָקָה וּבִזְרוֹעַ נְטוּיָה. וְאִלּוּ לֹא הוֹצִיא הַקָּדוֹשׁ בָּרוּךְ הוּא אֶת אֲבוֹתֵינוּ מִמִּצְרָיִם, הֲרֵי אָנוּ וּבָנֵינוּ וּבְנֵי בָנֵינוּ מְשֻׁעְבָּדִים הָיִינוּ לְפַרְעֹה בְּמִצְרָיִם. וַאֲפִילוּ כֻּלָּנוּ חֲכָמִים, כֻּלָּנוּ נְבוֹנִים, כֻּלָּנוּ זְקֵנִים, כֻּלָּנוּ יוֹדְעִים אֶת הַתּוֹרָה, מִצְוָה עָלֵינוּ לְסַפֵּר בִּיצִיאַת מִצְרַיִם. וְכָל הַמַּרְבֶּה לְסַפֵּר בִּיצִיאַת מִצְרַיִם הֲרֵי זֶה מְשֻׁבָּח.

מַעֲשֶׂה בְּרַבִּי אֱלִיעֶזֶר וְרַבִּי יְהוֹשֻׁעַ וְרַבִּי אֶלְעָזָר בֶּן עֲזַרְיָה וְרַבִּי עֲקִיבָא וְרַבִּי טַרְפוֹן שֶׁהָיוּ מְסֻבִּין בִּבְנֵי בְרַק, וְהָיוּ מְסַפְּרִים בִּיצִיאַת מִצְרַיִם כָּל אוֹתוֹ הַלַּיְלָה עַד שֶׁבָּאוּ תַלְמִידֵיהֶם וְאָמְרוּ לָהֶם: רַבּוֹתֵינוּ, הִגִּיעַ זְמַן קְרִיאַת שְׁמַע שֶׁל שַׁחֲרִית.

אָמַר אֶלְעָזָר בֶּן עֲזַרְיָה: הֲרֵי אֲנִי כְּבֶן שִׁבְעִים שָׁנָה, וְלֹא זָכִיתִי שֶׁתֵּאָמֵר יְצִיאַת מִצְרַים בַּלֵּילוֹת עַד שֶׁדְּרָשָׁהּ בֶּן זוֹמָא: שֶׁנֶּאֱמַר, לְמַעַן תִּזְכֹּר אֶת יוֹם צֵאתְךָ מֵאֶרֶץ מִצְרַיִם כָּל יְמֵי חַיֶּיךָ יְמֵי חַיֶּיךָ -הַיָּמִים, כָּל יְמֵי חַיֶּיךָ - הַלֵּילוֹת. וַחֲכָמִים אוֹמְרִים: יְמֵי חַיֶּיךָ - הָעוֹלָם הַזֶּה, כָּל יְמֵי חַיֶּיךָ - לְהָבִיא לִימוֹת הַמָּשִׁיחַ.

בָּרוּךְ הַמָּקוֹם, בָּרוּךְ הוּא. בָּרוּךְ שֶׁנָּתַן תּוֹרָה לְעַמּוֹ יִשְׂרָאֵל, בָּרוּךְ הוּא. כְּנֶגֶד אַרְבָּעָה בָנִים דִּבְּרָה תוֹרָה. אֶחָד חָכָם, וְאֶחָד רָשָׁע, וְאֶחָד תָּם, וְאֶחָד שֶׁאֵינוֹ יוֹדֵעַ לִשְׁאוֹל.

חָכָם מָה הוּא אוֹמֵר? מַה הָעֵדוֹת וְהַחֻקִּים וְהַמִּשְׁפָּטִים אֲשֶׁר צִוָּה יְיָ אֱלֹהֵינוּ אֶתְכֶם? וְאַף אַתָּה אֱמָר לוֹ כְּהִלְכוֹת הַפֶּסַח: אֵין מַפְטִירִין אַחַר הַפֶּסַח אֲפִיקוֹמָן.

רָשָׁע מָה הוּא אוֹמֵר? מָה הָעֲבֹדָה הַזֹּאת לָכֶם? לָכֶם - וְלֹא לוֹ. וּלְפִי שֶׁהוֹצִיא אֶת עַצְמוֹ מִן הַכְּלָל כָּפַר בְּעִקָּר. וְאַף אַתָּה הַקְהֵה אֶת שִׁנָּיו וֶאֱמֹר לוֹ: בַּעֲבוּר זֶה עָשָׂה יְיָ לִי בְּצֵאתִי מִמִּצְרָיִם. לִי - וְלֹא לוֹ. אִילּוּ הָיָה שָׁם, לֹא הָיָה נִגְאָל.

La naiva filo, kion diras li? Li demandas: “Kio estas ĉi ĉio?” Kaj vi diru al li: “Per fortega mano la Eternulo elportis nin el Egiptujo, el la domo de sklavoj.

Sed por li kiu ne kapablas demandi, vi devas komenci la rakontadon, kiel estas dirite: “Kaj sciigu al via filo en tiu tago, dirante: Estas pro tio, kion la Eternulo faris por mi je mia elirado el Egiptujo.”

“Ĉu eblas pensi ke la rakontado okazu ekde la unua tago de la monato Nisan? Ne, ĉar la teksto diras “je tiu tago.” Tiukaze, ĉu tio signifas ke la rakontado fariĝu nur je la sunleviĝo? Ne, ĉar la teksto diras “pro ĉi tio”, de kiu induktiĝas ke la rakontado fariĝu nur kiam la maco kaj maror kuŝas antaŭ vi.

Foje niaj prauloj estis idol-adorantoj, sed nun la Sinjoro proksimigis nin al Sia servo, kiel estas dirite “Kaj Josuo diris al la tuta popolo: Tiel diris la Eternulo, Dio de Izrael: Transe de la Rivero loĝis viaj patroj en la tempo antikva, Teraĥ, patro de Abraham kaj patro de Naĥor; kaj ili servis al aliaj dioj. Sed Mi prenis vian patron Abraham de trans la Rivero kaj kondukis lin tra la tuta lando Kanaana, kaj Mi multigis lian idaron, kaj Mi donis al li Isaakon. Kaj Mi donis al Isaak Jakobon kaj Esavon; kaj Mi donis al Esav la monton Seir, ke li posedu ĝin; sed Jakob kaj liaj filoj foriris en Egiptujon.

Benata estu Li, kiu plutenas Sian promeson al Izraelo, Benata estu Li. Benata estu la Plej Sankta kiu kalkulis la finon de la sklaveco, por fari tion kion Li promesis al nia patro Abrahamo je la interkonsento inter la partoj, kiel estas dirite “Kaj Li diris al Abram: Sciu, ke via idaro estos fremduloj en lando, kiu ne apartenos al ili; kaj oni sklavigos kaj turmentos ilin dum kvarcent jaroj. Tamen la popolon, ĉe kiu ili estos sklavoj, Mi juĝos; kaj poste ili eliros kun granda havo.

*Oni levu la glason da vino kaj kovru la macojn.*

Kaj estas tiu sama promeso kiu subtenis nin kaj niajn praulojn kaj por ni mem, ĉar ne nur unu leviĝis kontraŭ ni por detrui nin, sed en ĉiu generacio, oni leviĝas kontraŭ ni, sed la Plej Sankta, benata estu Li, savas nin de iliaj manoj.

תָּם מָה הוּא אוֹמֵר? מַה זֹּאת? וְאָמַרְתָּ אֵלָיו: בְּחֹזֶק יָד הוֹצִיאָנוּ יְיָ מִמִּצְרָיִם, מִבֵּית עֲבָדִים.

וְשֶׁאֵינוֹ יוֹדֵעַ לִשְׁאוֹל - אַתְּ פְּתַח לוֹ, שֶׁנֶּאֱמַר: וְהִגַּדְתָּ לְבִנְךָ בַּיּוֹם הַהוּא לֵאמֹר, בַּעֲבוּר זֶה עָשָׂה יְיָ לִי בְּצֵאתִי מִמִּצְרָיִם.

יָכוֹל מֵרֹאשׁ חֹדֶשׁ, תַּלְמוּד לוֹמַר בַּיּוֹם הַהוּא, אִי בַּיּוֹם הַהוּא יָכוֹל מִבְּעוֹד יוֹם, תַּלְמוּד לוֹמַר בַּעֲבוּר זֶה - בַּעֲבוּר זֶה לֹא אָמַרְתִּי אֶלָּא בְּשָׁעָה שֶׁיֵּשׁ מַצָּה וּמָרוֹר מֻנָּחִים לְפָנֶיךָ.

מִתְּחִלָּה עוֹבְדֵי עֲבוֹדָה זָרָה הָיוּ אֲבוֹתֵינוּ, וְעַכְשָׁיו קֵרְבָנוּ הַמָּקוֹם לַעֲבֹדָתוֹ, שֶׁנֶּאֱמַר: וַיֹּאמֶר יְהוֹשֻׁעַ אֶל כָּל הָעָם, כֹּה אָמַר יְיָ אֱלֹהֵי יִשְׂרָאֵל: בְּעֵבֶר הַנָּהָר יָשְׁבוּ אֲבוֹתֵיכֶם מֵעוֹלָם, תֶּרַח אֲבִי אַבְרָהָם וַאֲבִי נָחוֹר, וַיַּעַבְדוּ אֱלֹהִים אֲחֵרִים. וָאֶקַּח אֶת אֲבִיכֶם אֶת אַבְרָהָם מֵעֵבֶר הַנָּהָר וָאוֹלֵךְ אוֹתוֹ בְּכָל אֶרֶץ כְּנָעַן, וָאַרְבֶּה אֶת זַרְעוֹ וָאֶתֵּן לוֹ אֶת יִצְחָק, וָאֶתֵּן לְיִצְחָק אֶת יַעֲקֹב וְאֶת עֵשָׂיו. וָאֶתֵּן לְעֵשָׂו אֶת הַר שֵׂעִיר לָרֶשֶׁת אֹתוֹ, וְיַעֲקֹב וּבָנָיו יָרְדוּ מִצְרָיִם.

בָּרוּךְ שׁוֹמֵר הַבְטָחָתוֹ לְיִשְׂרָאֵל, בָּרוּךְ הוּא. שֶׁהַקָּדוֹשׁ בָּרוּךְ הוּא חִשַּׁב אֶת הַקֵּץ, לַעֲשׂוֹת כְּמוֹ שֶּׁאָמַר לְאַבְרָהָם אָבִינוּ בִּבְרִית בֵּין הַבְּתָרִים, שֶׁנֶּאֱמַר: וַיֹּאמֶר לְאַבְרָם, יָדֹעַ תֵּדַע כִּי גֵר יִהְיֶה זַרְעֲךָ בְּאֶרֶץ לֹא לָהֶם, וַעֲבָדוּם וְעִנּוּ אֹתָם אַרְבַּע מֵאוֹת שנה. וְגם אֶת הַגּוֹי אֲשֶׁר יַעֲבֹדוּ דָּן אָנֹכִי וְאַחֲרֵי כֵן יֵצְאוּ בִּרְכֻשׁ גָּדוֹל.

*Oni levu la glason da vino kaj kovru la macojn.*

וְהִיא שֶׁעָמְדָה לַאֲבוֹתֵינוּ וְלָנוּ? שֶׁלֹּא אֶחָד בִּלְבָד עָמַד עָלֵינוּ לְכַלוֹתֵנוּ, אֶלָּא שֶׁבְּכָל דּוֹר וָדוֹר עוֹמְדִים עָלֵינוּ לְכַלוֹתֵנוּ, וְהַקָּדוֹשׁ בָּרוּךְ הוּא מַצִּילֵנוּ מִיָּדָם.

*Remetu la glason sen trinki kaj malkovru la macojn.*

Eliru kaj demandu, kion Lavan, la Arameo, deziris fari al nia patro Jakobo. Kvankam Faraono dekretis la nuligon de ĉiuj malinoj, Lavan planis nuligi la tuton, kiel estas dirite, "Arameo preskaŭ pereigis mian patron"; ***kaj li foriris en Egiptujon kaj enloĝiĝis tie fremdule kun malmulte da homoj, kaj fariĝis tie popolo granda, forta, kaj multenombra.***

***Kaj li foriris en Egiptujon***; pelita de la vorto de Dio;
***Kaj enloĝiĝis tie fremdule***; signifas ke Jakobo nia patro ne iris tien por enhejmiĝi, sed nur por gasti tie, kiel estas dirite: "Kaj ili diris al Faraono: Ni venis, por loĝi en la lando; ĉar ne ekzistas paŝtaĵo por la brutoj de viaj sklavoj, ĉar forta estas la malsato en la lando Kanaana; permesu do, ke viaj sklavoj loĝu en la lando Goŝen."
***Kun malmulte da homoj***, kiel estas dirite, "En la nombro de sepdek animoj viaj patroj foriris en Egiptujon, kaj nun la Eternulo, via Dio, faris vin grandnombraj kiel la steloj de la ĉielo."
***Kaj fariĝis tie granda popolo***, per kiu ni lernas ke la Izraelidoj estis eminentaj eĉ en Egiptujo.
***Granda kaj forta,*** kiel estas dirite, "Kaj la Izraelidoj fruktis kaj diskreskis kaj multiĝis kaj treege fortiĝis, kaj la lando pleniĝis de ili."
***Kaj multenombra***, kiel estas dirite, "Mi grandigis vin, kiel kampan kreskaĵon; vi fariĝis plena kaj granda, vi fariĝis tute bela; viaj mamoj formiĝis, viaj haroj abunde kreskis; sed vi estis nuda kaj nekovrita. Mi preteriris preter vi, kaj Mi vidis, ke vi baraktas en via sango, kaj Mi diris al vi en via sango: Vivu; jes, Mi diris al vi en via sango: Vivu."

***Kaj la Egiptoj agis malbone kontraŭ ni kaj premis nin kaj metis sur nin malfacilan laboron***

***Kaj la Egiptoj agis malbone kontraŭ ni;*** kiel estas dirite, "Ni uzu do ruzon kontraŭ ĝi, por ke ĝi ne multiĝu, ĉar se okazos milito, tiam ankaŭ tiu popolo aliĝos al niaj malamikoj kaj militos kontraŭ ni kaj foriros el la lando."
***Kaj premis nin,*** kiel estas dirite "Kaj oni metis super ilin laborestrojn, por premi ilin per malfacilaj laboroj. Kaj ili konstruis por Faraono provizejajn urbojn Pitom kaj Rameses."
***Kaj metis sur nin malfacilan laboron***, kiel estas dirite, "Kaj la Egiptoj laborigis la Izraelidojn kruele."

*Remetu la glason sen trinki kaj malkovru la macojn.*

צֵא וּלְמַד מַה בִּקֵּשׁ לָבָן הָאֲרַמִּי לַעֲשׂוֹת לְיַעֲקֹב אָבִינוּ. שֶׁפַּרְעֹה לֹא גָזַר אֶלָּא עַל הַזְּכָרִים וְלָבָן בִּקֵּשׁ לַעֲקוֹר אֶת הַכֹּל, שֶׁנֶּאֱמַר: אֲרַמִּי אֹבֵד אָבִי, **וַיֵּרֶד מִצְרַיְמָה וַיָּגָר שָׁם בִּמְתֵי מְעָט, וַיְהִי שָׁם לְגוֹי גָּדוֹל, עָצוּם וָרָב.**

**וַיֵּרֶד מִצְרַיְמָה** - אָנוּס עַל פִּי הַדִּבּוּר.

**וַיָּגָר שָׁם** - מְלַמֵּד שֶׁלֹּא יָרַד יַעֲקֹב אָבִינוּ לְהִשְׁתַּקֵּעַ בְּמִצְרַיִם אֶלָּא לָגוּר שָׁם, שֶׁנֶּאֱמַר: וַיֹּאמְרוּ אֶל פַּרְעֹה, לָגוּר בָּאָרֶץ בָּאנוּ, כִּי אֵין מִרְעֶה לַצֹּאן אֲשֶׁר לַעֲבָדֶיךָ, כִּי כָבֵד הָרָעָב בְּאֶרֶץ כְּנָעַן. וְעַתָּה יֵשְׁבוּ נָא עֲבָדֶיךָ בְּאֶרֶץ גֹּשֶׁן.

**בִּמְתֵי מְעָט** - כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: בְּשִׁבְעִים נֶפֶשׁ יָרְדוּ אֲבוֹתֶיךָ מִצְרָיְמָה, וְעַתָּה שָׂמְךָ יְיָ אֱלֹהֶיךָ כְּכוֹכְבֵי הַשָּׁמַיִם לָרֹב.

**וַיְהִי שָׁם לְגוֹי** - מְלַמֵּד שֶׁהָיוּ יִשְׂרָאֵל מְצֻיָּנִים שָׁם.

**גָּדוֹל, עָצוּם** - כְּמוֹ שֶׁנֶּאֱמַר: וּבְנֵי יִשְׂרָאֵל פָּרוּ וַיִּשְׁרְצוּ וַיִּרְבּוּ וַיַּעַצְמוּ בִּמְאֹד מְאֹד, וַתִּמָּלֵא הָאָרֶץ אֹתָם.

**וָרָב** - כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: רְבָבָה כְּצֶמַח הַשָּׂדֶה נְתַתִּיךְ, וַתִּרְבִּי וַתִּגְדְּלִי וַתָּבֹאִי בַּעֲדִי עֲדָיִים, שָׁדַיִם נָכֹנוּ וּשְׂעָרֵךְ צִמֵּחַ, וְאַתְּ עֵרֹם וְעֶרְיָה. וָאֶעֱבֹר עָלַיִךְ וָאֶרְאֵךְ מִתְבּוֹסֶסֶת בְּדָמָיִךְ, וָאֹמַר לָךְ בְּדָמַיִךְ חֲיִי, וָאֹמַר לָךְ בְּדָמַיִךְ חֲיִי.

**וַיָּרֵעוּ אֹתָנוּ הַמִּצְרִים וַיְעַנּוּנוּ, וַיִּתְּנוּ עָלֵינוּ עֲבֹדָה קָשָׁה.**

**וירעו אֹתָנוּ הַמִּצְרִים** - כְּמוֹ שֶׁנֶּאֱמַר: הָבָה נִתְחַכְּמָה לוֹ פֶּן יִרְבֶּה, וְהָיָה כִּי תִקְרֶאנָה מִלְחָמָה וְנוֹסַף גַּם הוּא עַל שֹׂנְאֵינוּ וְנִלְחַם בָּנוּ, וְעָלָה מִן הָאָרֶץ.

**וַיְעַנּוּנוּ** - כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: וַיָּשִׂימוּ עָלָיו שָׂרֵי מִסִּים לְמַעַן עַנֹּתוֹ בְּסִבְלֹתָם. וַיִּבֶן עָרֵי מִסְכְּנוֹת לְפַרְעֹה. אֶת פִּתֹם וְאֶת רַעַמְסֵס.

**וַיִּתְּנוּ עָלֵינוּ עֲבֹדָה קָשָׁה** - כְּמוֹ שֶׁנֶּאֱמַר: וַיַּעֲבִדוּ מִצְרַים אֶת בְּנֵי יִשְׂרָאֵל בְּפָרֶךְ.

*Kaj ni ekkriis al la Eternulo, la Dio de niaj patroj, kaj la Eternulo aŭskultis nian voĉon kaj vidis nian mizeron kaj nian malĝojon kaj nian prematecon.*

*Kaj ni ekkriis al la Eternulo, la Dio de niaj patroj,* kiel estas dirite "Post longa tempo mortis la reĝo de Egiptujo. Kaj la Izraelidoj ĝemis pro la laboroj kaj kriis, kaj ilia kriado pro la laboroj venis supren al Dio.", kaj ilia plendo supreniris al Dio, pro la sklaveco.

*Kaj la Eternulo aŭskultis nian voĉon,* kiel estas dirite, "Kaj Dio aŭdis ilian ĝemadon, kaj Dio rememoris Sian interligon kun Abraham, Izaak, kaj Jakob."

*Kaj vidis nian mizeron:* ĉi tio celas la apartigon de la geedzoj, kiel estas dirite "Kaj Dio rigardis la Izraelidojn, kaj Dio rememoris ilin."

*Kaj nian malĝojon:* ĉi tio celas la detruon de la viraj infanoj, kiel estas dirite "Ĉiun filon, kiu naskiĝis, ĵetu en la Riveron, kaj ĉiun filinon lasu viva."

*Kaj nian prematecon:* ĉi tio celas la severecon de la laborego, kiel estas dirite, "Kaj Mi vidis la turmentojn, per kiuj la Egiptoj turmentas ilin."

*Kaj la Eternulo elkondukis nin el Egiptujo per mano forta kaj per brako etendita kaj per granda teruro kaj per signoj kaj mirakloj.*

*Kaj la Eternulo elkondukis nin el Egiptujo:* nek pere de anĝelo, nek pere de serafo, nek pere de mesaĝisto; sed la plej Sankta, benata estu Li, en Sia propra majesteco mem, kiel estas dirite, *"Kaj Mi trairos la landon Egiptan en tiu nokto, kaj Mi batos ĉiun unuenaskiton en la lando Egipta, de la homoj ĝis la brutoj; kaj super ĉiuj dioj de Egiptujo Mi faros juĝon, Mi, la Eternulo."*

*Kaj Mi trairos la landon Egiptan en tiu nokto:* Mi Mem, kaj ne anĝelo.

*Kaj Mi batos ĉiun unuenaskiton,* Mi Mem kaj ne serafo:

*Kaj super ĉiuj dioj de Egiptujo Mi farus juĝon:* Mi Mem kaj ne mesaĝisto.

*Mi, la Eternulo,* Mi estas Li, kaj neniu alia.

*Per mano forta,* ĉi tio celas la peston, kiel estas dirite, "Jen la mano de la Eternulo estos sur viaj brutoj, kiuj estas sur la kampo, sur la ĉevaloj,

**וַנִּצְעַק אֶל יְיָ אֱלֹהֵי אֲבֹתֵינוּ, וַיִּשְׁמַע יְיָ אֶת קֹלֵנוּ, וַיַּרְא אֶת עָנְיֵנוּ וְאֶת עֲמָלֵנוּ וְאֶת לַחֲצֵנוּ.**

**וַנִּצְעַק אֶל יְיָ אֱלֹהֵי אֲבֹתֵינוּ** - כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: וַיְהִי בַיָּמִים הָרַבִּים הָהֵם וַיָּמָת מֶלֶךְ מִצְרַיִם, וַיֵּאָנְחוּ בְּנֵי יִשְׂרָאֵל מִן הָעֲבוֹדָה וַיִּזְעָקוּ, וַתַּעַל שַׁוְעָתָם אֶל הָאֱלֹהִים מִן הָעֲבֹדָה.

**וַיִּשְׁמַע יְיָ אֶת קֹלֵנוּ** - כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: וַיִּשְׁמַע אֱלֹהִים אֶת נַאֲקָתָם, וַיִּזְכּוֹר אֱלֹהִים אֶת בְּרִיתוֹ אֶת אַבְרָהָם, אֶת יִצְחָק ואֶת יַעֲקֹב.

**וַיַּרְא אֶת עָנְיֵנוּ** - זוֹ פְּרִישׁוּת דֶּרֶךְ אֶרֶץ, כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: וַיַּרְא אֱלֹהִים אֶת בְּנֵי יִשְׂרָאֵל וַיֵּדַע אֱלֹהִים.

**וְאֶת עֲמָלֵנוּ** - אֵלּוּ הַבָּנִים. כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: כָּל הַבֵּן הַיִּלּוֹד הַיְאֹרָה תַּשְׁלִיכֻהוּ וְכָל הַבַּת תְּחַיּוּן.

**וְאֶת לַחֶצֵנוּ** - זֶו הַדְּחַק, כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: וְגַם רָאִיתִי אֶת הַלַּחַץ אֲשֶׁר מִצְרַיִם לֹחֲצִים אֹתָם.

**וַיּוֹצִאֵנוּ יְיָ מִמִּצְרַיִם בְּיָד חֲזָקָה וּבִזְרֹעַ נְטוּיָה, וּבְמֹרָא גָּדֹל, וּבְאֹתוֹת וּבְמֹפְתִים.**

**וַיּוֹצִאֵנוּ יְיָ מִמִּצְרַיִם** - לֹא עַל יְדֵי מַלְאָךְ, וְלֹא עַל יְדֵי שָׂרָף, וְלֹא עַל יְדֵי שָׁלִיחַ, אֶלָּא הַקָּדוֹשׁ בָּרוּךְ הוּא בִּכְבוֹדוֹ וּבְעַצְמוֹ, שֶׁנֶּאֱמַר: **וְעָבַרְתִּי בְאֶרֶץ מִצְרַיִם בַּלַּיְלָה הַזֶּה, וְהִכֵּיתִי כָל בְּכוֹר בְּאֶרֶץ מִצְרַיִם מֵאָדָם וְעַד בְּהֵמָה, וּבְכָל אֱלֹהֵי מִצְרַיִם אֶעֱשֶׂה שְׁפָטִים. אֲנִי יְיָ.**

**וְעָבַרְתִּי בְאֶרֶץ מִצְרַיִם בַּלַּיְלָה הַזֶּה** - אֲנִי וְלֹא מַלְאָךְ

**וְהִכֵּיתִי כָל בְכוֹר בְּאֶרֶץ מִצְרַיִם** - אֲנִי וְלֹא שָׂרָף

**וּבְכָל אֱלֹהֵי מִצְרַיִם אֶעֱשֶׂה שְׁפָטִים -** אֲנִי ולֹא הַשָּׁלִיחַ.

**אֲנִי יְיָ** - אֲנִי הוּא ולֹא אַחֵר.

**בְּיָד חֲזָקָה** - זוֹ הַדֶּבֶר, כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: הִנֵּה יד יְיָ הוֹיָה בְּמִקְנְךָ אֲשֶׁר בַּשָּׂדֶה, בַּסּוּסִים, בַּחֲמֹרִים, בַּגְּמַלִּים, בַּבָּקָר וּבַצֹּאן, דֶּבֶר כָּבֵד מְאֹד.

sur la azenoj, sur la kameloj, sur la bovoj, kaj sur la ŝafoj: estos sur ili tre forta pesto."

*Kaj per brako etendita:* tio estas, kun glavo, kiel estas dirite, "Kaj tenantan en Sia mano eltiritan glavon, etenditan super Jerusalem."

*Kaj per granda teruro:* ĉi tio celas la montriĝon de la Dia Ĉeesto, kiel estas dirite, "Aŭ ĉu provis ia dio iri kaj preni al si unu popolon el inter alia popolo, per provoj, per signoj, kaj per mirakloj, kaj per milito kaj per forta mano kaj per etendita brako kaj per grandaj teruraĵoj, simile al ĉio, kion faris al vi la Eternulo, via Dio, en Egiptujo, antaŭ viaj okuloj."

*Kaj per signoj,* ĉi tio aludas al la bastono per kiu la mirakloj fariĝis, kiel estas dirite, "Kaj ĉi tiun bastonon prenu en vian manon; per ĝi vi faros la signojn."

*Kaj mirakloj,* ĉi tio aludas al la plago de sango, kiel estas dirite, "Kaj Mi donos miraklajn signojn en la ĉielo kaj sur la tero.

*Dum la legado de la plagoj kaj de iliaj simboloj, verŝu iom da vino el la glaso, po unu guto por ĉiu plago.*

**Sango, fajro, kaj kolonoj de fumo.**

Alia klarigo estas ĉi tio: *per mano forta* celas du plagojn*, per brako etendita*, du pluajn, *per granda teruro*, du pluajn, *per signoj,* du pluajn, *per mirakloj,* du pluajn. Ĉi tiuj estas la dek plagoj kiujn la Plej Sankta, benata estu li, portis sur la Egiptojn en Egiptujo, jen:

| | |
|---|---|
| Sango, Ranoj, | דָּם, צְפַרְדֵּעַ, |
| Fiinsektoj, Sovaĝaj Brutoj, | כִּנִּים, עָרוֹב, |
| Pesto, Abscesoj, | דֶּבֶר, שְׁחִין, |
| Hajlo, Akridoj, | בָּרָד, אַרְבֶּה, |
| Mallumo, Mortigo de unuenaskitoj. | חֹשֶׁךְ, מַכַּת בְּכוֹרוֹת. |

Rabeno Jehuda kunmetis la komencliterojn ĉi tiel:

דְּצַ"ךְ עֲדַ"שׁ בְּאַחַ"ב

"Decaĥ, Adaŝ, Beaĥab."

Rabeno Jose la Galileano, diris: De kie evidentiĝas ke la egiptoj frapiĝis de dek plagoj en Egiptujo, kaj ĉe la Ruĝa Maro de kvindek? Li tiel respondis: Pri Egiptujo, estas dirite, "Tiam la sorĉistoj

**וּבִזְרֹעַ נְטוּיָה** - זוֹ הַחֶרֶב, כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: וְחַרְבּוֹ שְׁלוּפָה בְּיָדוֹ, נְטוּיָה עַל יְרוּשָׁלָיִם.

**וּבְמֹרָא גָּדֹל** - זוֹ גִּלּוּי שְׁכִינָה, כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: אוֹ הֲנִסָּה אֱלֹהִים לָבֹא לָקַחַת לוֹ גוֹי מִקֶּרֶב גּוֹי בְּמַסֹּת בְּאֹתֹת וּבְמוֹפְתִים, וּבְמִלְחָמָה וּבְיָד חֲזָקָה וּבִזְרוֹעַ נְטוּיָה, וּבְמוֹרָאִים גְּדֹלִים, כְּכֹל אֲשֶׁר עָשָׂה לָכֶם יְיָ אֱלֹהֵיכֶם בְּמִצְרַיִם לְעֵינֶיךָ.

**וּבְאֹתוֹת** - זֶה הַמַּטֶה, כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר: וְאֶת הַמַּטֶּה הַזֶּה תִּקַּח בְּיָדְךָ, אֲשֶׁר תַּעֲשֶׂה בּוֹ אֶת הָאֹתֹת.

**וּבְמוֹפְתִים** - זֶה הַדָּם, כְּמָה שֶׁנֶּאֱמַר, וְנָתַתִּי מוֹפְתִים בַּשָּׁמַיִם וּבָאָרֶץ.:

*Dum la legado de la plagoj kaj de iliaj simboloj, verŝu iom da vino el la glaso, po unu guto por ĉiu plago.*

דָּם, וָאֵשׁ, וְתִמְרוֹת עָשָׁן.

דָּבָר אַחֵר: **בְּיָד חֲזָקָה** - שְׁתַּיִם, **וּבִזְרֹעַ נְטוּיָה** - שְׁתַּיִם, **וּבְמֹרָא גָּדֹל** - שְׁתַּיִם, **וּבְאֹתוֹת** - שְׁתַּיִם, **וּבְמֹפְתִים** - שְׁתַּיִם. אֵלּוּ עֶשֶׂר מַכּוֹת שֶׁהֵבִיא הַקָּדוֹשׁ בָּרוּךְ הוּא עַל הַמִּצְרִים בְּמִצְרַיִם, וְאֵלוּ הֵן:

דָּם, צְפַרְדֵּעַ,
כִּנִּים, עָרוֹב,
דֶּבֶר, שְׁחִין,
בָּרָד, אַרְבֶּה,
חֹשֶׁךְ, מַכַּת בְּכוֹרוֹת

רַבִּי יְהוּדָה הָיָה נוֹתֵן בָּהֶם סִמָּנִים:

דְּצַ"ךְ עַדַ"שׁ בְּאַחַ"ב.

רַבִּי יוֹסֵי הַגְּלִילִי אוֹמֵר: מִנַּיִן אַתָּה אוֹמֵר שֶׁלָּקוּ הַמִּצְרִים בְּמִצְרַיִם עֶשֶׂר מַכּוֹת וְעַל הַיָּם לָקוּ חֲמִשִּׁים מַכּוֹת? בְּמִצְרַיִם מַה הוּא אוֹמֵר? וַיֹּאמְרוּ הַחַרְטֻמִּים אֶל פַּרְעֹה: אֶצְבַּע אֱלֹהִים הִוא, וְעַל הַיָּם מה

diris al Faraono: Ĝi estas fingro de Dio!”, sed pri la maro estas dirite, “Kaj la Izraelidoj vidis la grandan manon, kiun la Eternulo aperigis sur la Egiptoj, kaj la popolo ektimis la Eternulon kaj ekkredis al la Eternulo kaj al Lia servisto Moseo.” Se nur per la fingro ili suferis dek plagojn en Egiptujo, deduktiĝas ke ĉe la maro ili suferis kvindek.

Rabeno Eliezer diris: De kie oni povas dedukti ke ĉiu plago kiun la Plej Sankta, benata estu Li, metis sur la Egiptojn en Egiptujo, konsistis el kvar diversaj plagoj? Ĉar estas dirite, “Li sendis sur ilin Sian flamantan koleron, furiozon, malbenon, kaj mizeron, taĉmenton da malbonaj anĝeloj.” *Furiozo* estas unu, *malbeno* du, *mizero* tri, *taĉmento da malbonaj anĝeloj* kvar. De tio oni povas dedukti ke ili frapiĝis de kvardek plagoj, kaj ĉe la maro de ducent.

Rabeno Akiva diris: De kie oni povas dedukti ke ĉiu plago, kiun la Plej Sankta, benata estu Li, metis sur la Egiptojn en Egiptujo, konsistis el kvin plagoj? Ĉar estas dirite, “Li sendis sur ilin Sian flamantan koleron, furiozon, malbenon, kaj mizeron, taĉmenton da malbonaj anĝeloj.” *Lia flamanta kolero* estas unu, *furiozo* estas du, *malbeno* tri, *mizero* kvar, *taĉmento da malbonaj anĝeloj* estas kvin. De tio eblas dedukti ke en Egiptujo ili frapiĝis de kvindek plagoj, kaj ĉe la maro de ducent kvindek.

Kiom da abundaj bonaĵoj faris Dio por ni!

Se Li estus forportinta nin el Egiptujo, kaj ne estus farinta juĝon sur ili,

Tio sufiĉus por ni.

Se Li estus farinta juĝon sur ili kaj ne estus farinta juĝon sur iliajn diojn,

Tio sufiĉus por ni.

Se Li estus farinta juĝon sur iliajn diojn, kaj ne estus mortiginta iliajn unuenaskitojn,

Tio sufiĉus por ni.

Se Li estus mortiginta iliajn unuenaskitojn, kaj ne estus doninta al ni iliajn riĉaĵojn,

Tio sufiĉus por ni.

Se Li estus doninta al ni iliajn riĉaĵojn, kaj ne estus dividinta la maron por ni,

Tio sufiĉus por ni.

הוּא אוֹמֵר? וַיַּרְא יִשְׂרָאֵל אֶת הַיָּד הַגְּדֹלָה אֲשֶׁר עָשָׂה יְיָ בְּמִצְרַיִם, וַיִּירְאוּ הָעָם אֶת יְיָ, וַיַּאֲמִינוּ בַּייָ וּבְמשֶׁה עַבְדוֹ. כַּמָּה לָקוּ בְאֶצְבַּע? עֶשֶׂר מַכּוֹת. אֱמוֹר מֵעַתָּה: בְּמִצְרַיִם לָקוּ עֶשֶׂר מַכּוֹת וְעַל הַיָּם לָקוּ חֲמִשִּׁים מַכּוֹת.

רַבִּי אֱלִיעֶזֶר אוֹמֵר: מִנַּיִן שֶׁכָּל מַכָּה וּמַכָּה שֶׁהֵבִיא הַקָּדוֹשׁ בָּרוּךְ הוּא עַל הַמִּצְרִים בְּמִצְרַיִם הָיְתָה שֶׁל אַרְבַּע מַכּוֹת? שֶׁנֶּאֱמַר: יְשַׁלַּח בָּם חֲרוֹן אַפּוֹ, עֶבְרָה וָזַעַם וְצָרָה, מִשְׁלַחַת מַלְאֲכֵי רָעִים. עֶבְרָה - אַחַת, וָזַעַם - שְׁתַּיִם, וְצָרָה - שָׁלֹשׁ, מִשְׁלַחַת מַלְאֲכֵי רָעִים - אַרְבַּע. אֱמוֹר מֵעַתָּה: בְּמִצְרַיִם לָקוּ אַרְבָּעִים מַכּוֹת וְעַל הַיָּם לָקוּ מָאתַיִם מַכּוֹת.

רַבִּי עֲקִיבָא אוֹמֵר: מִנַּיִן שֶׁכָּל מַכָּה וּמַכָּה שהֵבִיא הַקָּדוֹשׁ בָּרוּךְ הוּא על הַמִּצְרִים בְּמִצְרַים הָיְתָה שֶׁל חָמֵשׁ מַכּוֹת? שֶׁנֶּאֱמַר: יְשַׁלַּח בָּם חֲרוֹן אַפּוֹ, עֶבְרָה וָזַעַם וְצָרָה, מִשְׁלַחַת מַלְאֲכֵי רָעִים. חֲרוֹן אַפּוֹ- אַחַת, עֶבְרָה - שְׁתַּיִם, וָזַעַם - שָׁלוֹשׁ, וְצָרָה - אַרְבַּע, מִשְׁלַחַת מַלְאֲכֵי רָעִים - חָמֵשׁ. אֱמוֹר מֵעַתָּה: בְּמִצְרַים לָקוּ חֲמִשִּׁים מַכּוֹת וְעַל הַיָּם לָקוּ חֲמִשִּׁים וּמָאתַיִם מַכּוֹת.

כַּמָּה מַעֲלוֹת טובות לַמָּקוֹם עָלֵינו!

אִלּוּ הוֹצִיאָנוּ מִמִּצְרַים וְלֹא עָשָׂה בָּהֶם שְׁפָטִים,

דַּיֵּנו.

אִלּוּ עָשָׂה בָּהֶם שְׁפָטִים, וְלֹא עָשָׂה בֵאלֹהֵיהֶם,

דַּיֵּנוּ.

אִלּוּ עָשָׂה בֵאלֹהֵיהֶם, וְלֹא הָרַג אֶת בְּכוֹרֵיהֶם,

דַּיֵּנוּ.

אִלּוּ הָרַג אֶת בְּכוֹרֵיהֶם וְלֹא נָתַן לָנוּ אֶת מָמוֹנָם,

דַּיֵּנוּ.

אִלּוּ נָתַן לָנוּ אֶת מָמוֹנָם וְלֹא קָרַע לָנוּ אֶת הַיָּם,

דַּיֵּנוּ.

Se Li estus dividinta la maron por ni, kaj ne estus pasiginta nin en ĝi ,sur seka grundo

Sufiĉus por ni.

Se Li estus pasiginta nin en ĝi sur seka grundo, kaj ne estus droniginta niajn malamikojn,

Sufiĉus por ni.

Se Li estus droniginta niajn malamikojn, kaj ne estus provizinta al ni la bezonaĵojn en la dezerto,

Sufiĉus por ni.

Se Li estus provizinta al ni bezonaĵojn en la dezerto dum kvardek jaroj, kaj ne estus manĝiginta nin per manao,

Sufiĉus por ni.

Se Li estus manĝiginta nin per manao, kaj ne estus doninta al ni la Ŝabaton,

Sufiĉus por ni.

Se Li estus doninta al ni la Ŝabaton, kaj ne estus alportinta nin al Monto Sinajo,

Sufiĉus por ni.

Se Li estus alportinta nin al Monto Sinajo, kaj ne estus doninta al ni la Toraon,

Sufiĉus por ni.

Se Li estus doninta al ni la Toraon, kaj ne estus gvidinta nin al la lando Israelo,

Sufiĉus por ni.

Se Li estus gvidinta nin al la lando Israelo, kaj ne estus konstruinta la Templon,

Sufiĉus por ni.

Kiom multe pli ni ŝuldas pro la multega abundo da bono, kiun Dio donis al ni! Li forportis nin el Egiptujo, faris juĝon sur la Egiptojn kaj iliajn diojn, mortigis iliajn unuenaskitojn, donis al ni iliajn riĉaĵojn, dividis la maron por ni, pasigis nin en ĝi sur seka grundo, dronigis niajn malamikojn en la maro, provizis al ni la bezonaĵojn dum kvardek jaroj en la dezerto, manĝigis nin per manao, donis al ni la Ŝabaton, alportis nin al Monto Sinajo, donis al ni la Toraon, gvidis nin al la lando Israelo, kaj konstruis la sanktan Templon por pekliberigi nin.

